Esperanto servu pacon!

# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№9(13) Oktobro 1974

## SOVETIA SEKCIO DE I L E I

Al ĉiuj geinstruistoj de Esperanto en lernejoj,
al la gvidantoj de Esperanto-rondoj kaj pedagogoj

En aŭgusto 1974 estas fondita sovetia sekcio de ILEI. La prezidanto estas k-do Palu I.J. (Tallin), la sekretario - Starodubcev N.N. (Doneck).

La ĉefa celo de la sekcio estas kunordigo de agado de instruistoj en nia lando, instigo por oficiala enkonduko de Esperanto en lernejojn.

La jarkotizo - 1 rub., abonpago por la revuo IPR - 3 rub., abonpago por la revuo "Juna amiko" - 1,6 rub.. La kotizon kaj la pagojn akceptas la sekretario: 340092 Doneck-92, ul. Polockaja 20-b, kv. 37. La limdato por la pagoj estas fino de novembro.

* * * * * * * * *

Ĉiuj geinstruistoj, dezirantaj ricevi oficialan atestilon por rajti instrui Esperanton, povas ĝin ricevi post la ekzameniĝo en la universitato de Tartu (Estonio). Por tio necesas sendi al la universitato rekomendleteron laŭ la suba modelo (ruslingve).

Al la rektoro de la Tartua ŝtata universitato
de ........................................

Ni petas Vin doni eblecon al nia kunlaboranto ................ ekzameniĝi en via universitato ĉe prof. Ariste pri la lingvo Esperanto.

Dato. Subskribo.

Por ekzameniĝo necesus koni: 1) la historion de Esperanto; 2) la problemon de interlingvistiko; 3) la strukturon de Esperanto kaj ĝian disvastigon. Krome necesus povi traduki skribe tekston el Esperanto al la gepatra lingvo kaj male. La lasta demando estas konversacio laŭ temoj de ĉiutaga vivo.

Sukcesojn al vi!

Vicprezidanto pri lernejaj aferoj
N.Starodubcev (Doneck)

## PRI RAJTO PARTOPRENI TENDAROJN

La lasta tendaro de SEJM, laŭ mi, montris belan, sed ne tute brilan bildon pri lingvoposedo de sufiĉe multaj partoprenintoj. Jam dum pluraj jaroj okazadas junularaj tutlandaj tendaroj, ankaŭ oni organizas BET-ojn, regionajn renkontiĝojn, sed ĝis nun ne kristaliĝis almenaŭ proksimuma, sed konkreta disciplino pri rajto partopreni tiujn E-aranĝojn.

El 10 geklubanoj de la U-Kamenogorska junulara klubo de E., partoprenintaj la lastan SEJT-on, 4 estis komencantoj (finis kursojn elementajn antaŭ la tendaro). Ĉu rajtis SEJM-reprezentanto (mi) rekomendi tiujn 4 kun nur 6 spertuloj? Tiutempe post daŭra pripensado mi decidis fari rekomendojn al novaj geklubanoj, atentinte ilian trean deziron partopreni E-tendaron kaj ... daŭrigi sian E-okupiĝon.

Tamen mi ne intencas paroli pri tiuj kvar komencantoj, sed volas fari demandon al aktivularo pri jeno: ĉu povas mi rekomendi en tendaron krom la menciitaj 4 ankoraŭ 2-3 samgrade posedantajn E-lingvon

gejunulojn? Fakte, kiom da komencantoj (duonkrokodiloj, krokodiloj) oni rajtas venigi al tendaro kune kun 1, 2, 3, 5, 10, 25 aktivulojspertuloj? Se el ĉiu urbo (vilaĝo, provinco) kun 2 spertuloj venos 1 komencanto (duonkrokodilo), do en la tendaro estos jam triono da tiaj partoprenantoj. Sed, se male?!

Jes, ĉion antaŭvidi ne eblas, sed tiu problemo (pli ĝuste demando), laŭ mi, estas sufiĉe aktuala - ellaborinte reguleron pri partoprenrajto, ni evitos eblajn malagrablaĵojn pro abundo de "krokodiloj" en la tendaro.

Por komenco mi proponas jenan aritmetikon:

| Kvanto da spertuloj venintaj el sama loko | Kvanto da komencantoj rajtantaj veni kun ĉi-spertuloj |
|---|---|
| 1 + 3 | 1 |
| 4 + 6 | 2 |
| 7 + 10 | 3 |
| 11 + 15 | 5 |
| 16 + 25 | 8 |
| 26 + 35 kaj pli | 10 |

La kritikojn, opiniojn, proponojn estus bone vidi en "Aktuale", kaj jam ellaboritan reguleron havi 1,5-2 monatojn antaŭ SEJT-17 en Siberio.

B.Anoĥin (Ust-Kamenogorsk)

ENCIKLOPEDIO DE SEJT-16

SOLENA MALFERMO - 21.7.1974

La tendaron malfermis la SEJM-Prezidanto A.E.Gonĉarov. Ĉeestis
180 reprezentantoj el 37 SEJM-urboj.

E-UNIVERSITATO (rektoro S.N.Podkaminer; respondecis P.Egorovas)

Ĉi-jare estis jam du kursoj de la universitato.

La prelega konsisto de la 1-a kurso estis

1. Antaŭrevolucia E-movado en Rusio,- A.S.Ĥarkovskij(Moskvo).
2. Oktobra revolucio kaj E-movado en Rusio,- S.N.Podkaminer (Leningrado).
3. Universala Esperanto-Asocio,- S.N.Podkaminer.
4. Tutmonda Esperantista Junulara Organizaĵo,- A.E.Gonĉarov (Barnaul).
5. Esperanto-movado post la 2-a mondmilito,- S.E.Kotlarov (Meĵdureĉensk).
6. Kio estas SEJM,- A.E.Gonĉarov.
7. Esperanto kaj lernejo, - A.B.Rogov (Ĥmelnickij).
8. Pacmovado,- S.N.Podkaminer.

La prelega konsisto de la 2-a kurso estis

1. Scienteknika revolucio kaj problemo de informado,- N.F.Danovskij (Moskvo).
2. Lingvaj problemoj en nia epoko,- N.F.Danovskij, M.I.Isajev (Moskvo).
3. Uzado de Esperanto en scienco,- V.S.Arolovič (Moskvo).
4. Esperanto kaj ĵurnalismo,- N.F.Danovskij.
5. Esperanto en turismo,- V.I.Bespalov (Soĉi).
6. Esperanto kaj lernejo,- A.B.Rogov.
7. Pacmovado,- S.N.Podkaminer.

Post la lasta leciono en ambaŭ kursoj okazis kolokvio, kiun partoprenis sume 30 homoj. La kolokvion gvidis S.N.Podkaminer, N.F.Danovskij, V.S.Arolovič.

PAROLIGA KURSO (respondecis A.Rogov)

Estis formitaj 7 grupoj po 12-15 homoj, kiujn gvidis A.B.Rogov, V.E.Moĉovkin (Poltava), B.G.Kolker (Ufa), G.M.Gercikov (Talgar), V.P.Ŝilas (Vilnius), A.S.Lukin(Ĥarkov), E.S.Pervertajlo (Taŝkent). La kurson sume vizitadis 90 homoj, el kiuj sukcese plenumis ekza-

menon 72 personoj kaj ricevis la poenton 5 - 44, la poenton 4 - 15, la poenton 3 - 13;

SOMERA UNIVERSITATO
Okazis prelegoj pri du temoj:
1. Metodoj de invento,- J.S.Muraŝkovskij (Ĥarkov).
2. Scienctekniko evoluo kaj problemo de multlingveco,- V.E.NOĉovkin.

KONKURSO DE INTERPRETISTOJ (respondecis S.E.Kotlarov)
La konkurson partoprenis 16 homoj. La unuaj kvin lokoj estas distribuitaj jene:
1-a - N.Cvileneva (Ufa);
2-a -V.Laptev (Ĉelabinsk);
3-a - A.Vizgirdas(Klaipeda);
la 4-5-an lokojn dividis inter si J.Jodis (Moskvo) kaj V.Ebel (Barnaul).
La juĝkomisionon eniris B.G.Kolker, N.F.Danovskij, S.E.Kotlarov.

KONKURSO DE BELA LEGO
Ĝin partoprenis 17 personoj. La ĵurio konsistis el 4 homoj: A.Rogov, A.Junusov(Maĥaĉkala), V.Noĉovkin, V.Zibenkes(Salavat). La unuaj kvar lokoj estas distribuitaj tiel:
la 1-an al L.Novikova (Miass);
2-an al A.Kalaŝnikov(Tjumenj);
3-an al G.Fomenko (Ufa);
4-an al N.Matycina(Barnaul).

PRELEGO POR PROGRESANTOJ
Korespondado kun R.P.Antokolskij,- A.Ĥarkovskij.
La prelegon ĉeestis ĉ. 70 homoj.

SPORTKONKURO (gvidis J.Inoĥodov - Barnaul)
La konkuro okazis inter 3 teamoj: Ĉebaltio, Mezrusio, Okcidentsiberio. Venkis la teamo de Okcidentsiberio.

PIEDPILKADO
Okazis inter la teamoj de Okcidento kaj Oriento. La rezulto 1:0 je favoro de orientanoj.

STUDADO DE KANTOJ
Organizis kaj respondecis L.Borisov (Kolomna), A.Vizgirdas (Klaipeda), V.Ilkaev (Barnaul).

VERSA VESPERO
Okazis ĉe lignofajro. Estis deklamitaj aŭtoraj versoj, tradukitaj kaj originalaj.

VERDA POLICO
Anoj de la verda patrolo estis E.Eselinas(Kaunas) - ĉefo, J.Inoĥodov(Barnaul), L.Golovanova(Ufa), T.Bujvarenko(Ufa), M.Belogolovskij(Doneck).

FOTOFENESTRO
La fotofenestron estris T.Legkova(Novokujbiŝevsk) kaj J.Bastonogov (Ust-Kamenogorsk). Okazis tri fotoelsendoj.

MATENA GIMNASTIKO
Organizis kaj gvidis virojn V.Jakovlev(Barnaul), V.Dobrydina (Miass)- virinojn.

FOTADO
Estis fotado komuna, laŭregiona, laŭtendara (kronologia), ankaŭ de partoprenintoj la Konferencon.

KONCERTOJ
Dum la tendara tempo okazis 3 koncertoj: du por la tendaranoj kaj unu por aborigenoj. La okcidentan koncerton partoprenis urboj Klaipeda, Vilnius, Kaŭnas, Ivanovo, Moskvo, Ĥarkov, Kolomna, Vitebsk, Novomoskovsk, Poltava, Tbilisi. Al la orienta koncerto kontribuis Barnaul, Ust-Kamenogorsk, Ufa, Sterlitomak, Tjumenj.

FESTO DE NASKIĜINTOJ
La entreprenon organizis la urboj Ĉelabinsk kaj Miass, respondecis V.Laptev (Ĉelabinsk) kaj L.Novikova (Miass). Dank' al penoj de la organizantoj ni havis agrablan spekti naskon de 13 gebravuloj kaj poste bon-vini ilin.

GAJA VESPERO
Respondecis kaj gvidis L.Skirutyte(Klaipeda), A.Vizgirdas(Klaipeda). En la juĝkomisiono estis P.Egorovas(Vilnius), A.Gonĉarov(Barnaul). La konkurintaj teamoj montris egalfortecon, sed bedaŭrinde ne samegalan edukitecon (temas pri incidento flanke de orientanoj).

INTERKONA VESPERO
La tendaranojn interkonigis vilniusanoj. Ĉe helo de torĉoj ĉiu urbo prezentis sin, kaj la organizantoj benis ilin per bela kanto.

KGS
Okazis inter la tradiciaj teamoj "Okcidento" kaj "Oriento". La okcidenta teamo: V.Aroloviĉ(Moskvo) - kapitano, A.Vizgirdas(Klaipeda), N.Kokoŝina(Vitebsk), V.Ŝilas(Vilnius), A.Lukin(Ĥarkov), A.Ĥarkovskij(Moskvo), J.Muraŝkovskij(Ĥarkov), P.Egorovas(Vilnius), L.Skirutyte(Klaipeda). La orientan teamon eniris V.Ebel(Barnaul) - kapitano, V.Ilkaev(Barnaul), B.Anoĥin(U-Kamenogorsk), A.Kogan(Omsk), N.Cvileneva(Ufa), B.Kolker(Ufa), V.Opletaev(Tjumenj), V.Laptev(Ĉelabinsk), L.Novikova(Miass). La"malsanulojn" gvidis flanke de"Oriento E.Perevertajlo(Taŝkent), flanke de "Okcidento" ?(ne estas registrita). La juĝkomisionon konsistigis A.Gonĉarov, A.Rogov, N.Stolbun(Barnaul), V.Samodaj(Moskvo), V.Bespalov.
Inter la teamoj gajnis tiu de Oriento, pli aktive subtenis sian teamon la"malsanuloj" de Okcidento.
La KGS preparis kaj gvidis T.Legkova(Novokujbiŝevsk) kaj L.Borisov(Kolomna) ankaŭ forveturinta pli frue N.Korĵanevskaja (Ufa).

NEPTUNFESTO
Okazis la 29-an de julio. Neptun venis al la tendaranoj akompanata de sia bando per tri boatoj. Neptunon rolis A.Ĥarkovskij, la amuzdiablinon A.Kŝonzer(Tbilisi), la ĉefdiablon E.Perevertajlo. La tuta ceremonio finiĝis per reciproka mergado en akvon.

ŜIPEKSKURSO AL PLJOS
La ekskurso okazis la 28-an de julio, kaj ĝin partoprenis preskaŭ ĉiuj tendaranoj. La ekskurson gvidis O.Graĉova (Ivanovo).

FILMA KAJ LUMBILDA SERVO (respondecis S.Kotlarov)
Estis montritaj filmoj pri la Altaja tendaro (SEJT-10); pri la 5-a SEJM-Konferenco (Zaporoĵje); pri Klajpeda E-klubo; lumbildoj pri OSER en Meĵdureĉensk kaj pri Klajpeda E-klubo.

E-BIBLIOTEKO KAJ LEGEJO (estris R.Citlaŭ - U-Kamenogorsk)
En la biblioteko estis ĉirkaŭ 50 librotitoloj kaj pluraj aroj da E-revuoj. La biblioteko estis tre populara inter tendaraj loĝantoj. Ĝi funkciis ĉiutage dum certa tempo.

E-ENKETADO*
Organizis kaj respondecis E-istoj de Ufa. La enketo enhavis 16 demandojn. Estis plenigitaj enketoj flanke de 99 E-istoj.

E-LOTERIO
Organizis kaj gvidis E-istoj de la urbo Tiĥvin. Inter gajnitaĵoj estis E-libroj, suveniroj, afiŝoj k.t.p.

E-BUTIKO
La butikon organizis kaj funkciigis Klajpeda. Estis vendataj E-libroj, E-kantaretoj, E-insignoj, diversospecaj stampiloj. La

*La rezultoj de la enketado estos publikigataj en proksima tempo.

"ĉefmarĉandulo"estis S.Sadauskis(Klajpeda).

MITINGO

Mitingo ĉi-jara estis dediĉita al la defenda batalo de la popolo de la insulo Cipro. La mitingon malfermis ano de leningrada filio de Packomitato S.N.Podkaminer.Kun pleda parolo por la popolo de Cipro elpaŝis V.Laptev (Ĉeljabinsk),P.Egorovas (Vilnius),V.Ebel (Barnaul),S.Meljnikov (Rostov-Don) kaj aliaj.Ĉies elpaŝojn oni sekvis per konsenta aplaŭdo.

ADIAŬA VESPERO

Okazis la 30-n de julio.Dum ĝi oni elektis mister-on Esperanto kaj miss-on Esperanto,tiuj estis konsekvence V.Ebel (Barnaul),L.Skirutyte (Klajpeda).Post la elekto okazis ĝenerala dancado kiu daŭris ĝis meznokte.

La materialojn kompilis V.Kazanova (Barnaul).

AL FANTAZIO-ŜATANTOJ

Parolante kun multaj homoj pri literaturo, mi rimarkis interesan aferon.La tutan literaturon eblas partigi je tri la plej grandaj partoj: 1)klasika literaturo de mezlerneja programo - ĝin oni scias, sed ne tre ŝatas; 2)detektivoj,vojaĝoj kaj alia amuza literaturo - ĝin multaj scias kaj ŝatas; 3)scienc-fikcia literaturo - ĝin preskaŭ ĉiuj nek ŝatas nek scias. Pli ĝuste ne ŝatas, ĉar ne scias. Mi ofte aŭdis frazojn:"Fantazio - sekve,aĉaĵo!" aŭ-"Por kia celo mi legos pri estonteco,se mi vivas nuntempe!"-ktp.

Ne,en ĉi artikolo mi ne volas nudvorte konvinki ĉiujn legi nur fantazion.Mi volas montri al legantoj mem scienc-fikcian literaturon kaj diri:"Legu kaj poste ion opiniu!" Sed por montri la s-f. al esperantistoj necesas fari grandan laboron tradukan. Ĉi laboro jam komenciĝis.Sed memstare nek unu homo nek unu klubo tion ĉi fari sukcesos.Tial mi nome de ĉiuj s-f.-ŝatantoj alvokas:helpu! Helpu elekti s-f.-ajn verkojn,traduki ilin,Veteranoj povas korekti niajn nespertajn paŝojn en la tradukado. Ĉiuj,kiuj volas helpi,bonvolu skribi al adreso:

310103 Ĥarjkov-103,str.23-Aŭgusto,55-b,l.27,Muraŝkovskij Julij.

Ni atendas viajn leterojn.

J.Muraŝkovskij (Ĥarjkov)

LABORPLANO DE LA HISTORIA FAKO

Esperanto-movado en carisma Ruslando, precipe en la postrevolucia periodo de Sovetlando, por la historio de E. liveras signiforiĉajn faktojn. La unuajn adeptojn por sia ideo Zamenhof esperis - en Ruslando. En postrevolucia periodo E-movado en Sovetlando manifestiĝis impete kaj larĝskale. Pri tio elaperas okulfrapa bildo trafoliumante jarkolektojn, aperiĝintajn en Sovetlando,ankaŭ eksterlande. Koncerne la eksterlandajn temas ja pri la organoj de SAT:"Sennaciulo", "Sennacieca Revuo","La Nova Epoko" por la periodo 1922-1930. Influitaj de la nova vivo kaj ordo en USSR, la cititaj periodaĵoj siatempe malŝpare asignis da spaco el diversaj sferoj de sovetlanda vivo. La publikaĵoj do malkovras la personecojn de aktivuloj,rakontas pri la procedita de ili laboro por la prosperigo de la internacia lingvo. La fontoj de estas valorplenaj por reliefigi la movadon de la koncerna periodo en Sovetlando.

La SEJM-Komitato aktualigis la taskon por alpaŝi al tiu ĉi grava. La historia fako de SEJM skizas jenan laborplanon.

I. La periodoj:

1)Zamenhof en Moskvo (1879-1881);

2)Efiko de la unua libro ("Internacia lingvo.Plena lernolibro por rusoj",Varsovio,1887). Novaj blovoj en socia vivo de

Ruslando kaj efiko de ĝi por Esperanto (1888-1905);
3)Internacia periodo.La Kongresoj (1905-1914);
4)Stagna periodo (1914-1919);
5)Postrevolucia periodo. Skismo (1919-1936);
6)Ĉesigperiodo (1936-1956);
7)Unuaj paŝoj post la reviviĝo (1956- ).

II. Bibliografio:
1)La movado:organizaĵoj,rondetoj,instruado,korespondado,kunvenoj,kongresoj,aktivuloj (biografio);
2)Lingvaj demandoj;
3)Literaturaj skizoj.Poezio.Beletra prozo (originala kaj tradukita).Recenzoj;
4)Vojaĝimpresoj tra Sovetlando.Polemiko (publikaj leteroj);
5)KPSU.Komsomolo.MOPRO.Sindikatoj;
6)Sociaj problemoj.Konstruado de socialismo.Scienco;
7)Edukado;
8)Moralo.Ateismo;
9)Radio.Sporto;
10)Ilustraĵoj.

Ĉi skizitan planon oni konformigu laŭ la principo federacia.La punkto,ekz."Zamenhof en Moskvo",eĉ ne por ĉiuj regionoj de RSFSR havas sencon.

La unuan paŝon - preparlaboro,la fako jam ekfunkciigis.Komencita estas ankaŭ studado de la koncernaj fontoj,surslipigado.Laŭ la maldetala kalkuldifiro sumiĝis ĉirkaŭ 1200-1500 temounuoj.

J.Petrulis - estro de la historia fako (Vilnius)

## IMITINDA AGADO DE JUNAJ ESPERANTISTOJ

Dum SEJT-XVI ni renkontiĝis kun esperantistoj,kies agado estas modela kaj imitinda.Ili konsideras,ke la plej grava tasko de nia E-movado estas preparado de novaj taĉmentoj de esperantistaro.

Mi volus mencii la senlacan laboron de B.Kolker, V.Zibenkes, M.Bronŝtejn. Kiel diras malnova ukraina proverbo: "Kie li paŝas,tie verdaj boskoj kreskas!"

Jen post la dorso de B.G.Kolker estas Moldavio,du E-tendaroj, kreitaj siatempe tie, Birsk,kaj finfine Ufa,kie li kreis la plej bonan en USSR junularan E-klubon.Kaj ne nur en Ufa,-en la tuta Baŝkirio li "ekflamigis la fajron en koro!"

V.Zibenkes ekflamigis la korojn unue en Kaspijsk,(poste Tjumenj)* kaj nun sukcese tion faras en Salavat.

M.Bronŝtejn. Post liaj ŝultroj estas multmila politeknika instituto,V.Sporiŝin en Tula kaj nun li vekis dormintan Tiĥvin-on.

Kian ĝeneraligon trajton ili ĉiuj havas? Ĝi estas - sento de alta civitana devo. Laŭ mia opinio,ni devas paroli dum SEJT-oj pri ili,studi ilian sperton. Kaj finfine ni devas distingi ilin per iu honora nomo,medalo,signo. Aliel nia verda anaro,respondante enketojn "Por kio vi lernas Esperanton?" esprimas mirindan civitanan analfabetecon,dirante:"Por si mem".

Ĉar kiu rakontis al ili pri preskaŭ heroa agado de supremenciitaj batalantoj?

En la programo de elementa E-kurso devas esti ĉapitro "Homoj de Esperanto". Pri renkontiĝo kun ili dum E-tendaro revas komencantoj.

A.Rogov (Ĥmeljnickij)

---

* Rim. de la Red.

INTERHELPO

Tre agrable estis vidi kaj aŭdi dum la VIII -a SEJM-Konferenco, kiel unu post la alia ekestadas novaj E-grupoj,E-kursoj,E-kluboj. Sed pli ĝojinda kaj salutinda estas nun naskiĝanta kutimo de aŭspicio,kiun efektivigas la plej fortaj E-kluboj,konstante helpantaj al "novnaskiĝintaj" E-kolektivoj.Imitinda estas agado de E-kluboj de Ufa, Barnaul,Ustj-Kamenogorsk,Omsk kaj aliaj,kiuj helpas al samregionaj malfortaj kluboj. Ankaŭ la Ĥmelnicka E-klubo ek de 1966 efektivigadis "la rapidan" senpagan kamaradecan helpon al : Kiŝinevo,Berdjansk, Tula,Tiĥvin k.a.,sendante E-aĵojn por ekspozicioj kaj aliaj celoj. Siatempe ankaŭ ni ofte ricevadis helpon el diversaj lokoj.

Dumvoje ni konatiĝis al juna esperantistino Tanja Kravĉinskaja el urbo Dimitrovgrad.Ŝi rakontis,kiel arde deziras organizi E-movadon en sia urbo.Certe,mi detale konsilis,kielmaniere oni devas tion fari,apogante sur la helpo de lokaj partiaj organoj.

- Sed mi absolute nenion havas, - amare konfesis ŝi. - Kie akiri lernolibrojn,vortarojn,iajn afiŝojn,planojn k.t.p.?

En simila stato troviĝas entuziasmuloj en multaj lokoj de nia vasta lando.Kaj mi proponis dum la VIII-a SEJM-Konferenco krei ĉe SEJM la fonduson de INTERHELPO,kiun ni kreus por helpi al novaj E-kluboj.Oni konsilis unuavice sinturni al Veterana E-klubo.Ekzistas ja tre maljuniĝintaj E-istoj,kiuj jam delonge ne bezonas tiun literaturon (inkluzive ĉiujn E-aĵojn),kiun ili akumulis dum la tuta vivo;ili jam delonge ne laboras kun junularo kaj perdis aktivajn ligojn kun E-movado.Kial oni ne povus helpi al junularo?Ofte okazas,ke aŭtune 30 homoj de E-kurso abonis E-revuojn;printempe restis nur duono; do en E-klubo restis superfluaj revuoj k.t.p.Ili servus al INTERHELPA fonduso,kiun ni kreos.Certe,redaktoroj de niaj periodaĵojesperantaj multe helpus,propagandonte sur la paĝoj de siaj eldonaĵoj la noblan ideon de kamaradeca subteno kaj sinofera helpo.Kaj E-kluboj reeños,konfesonte,kion ili havas por la INTERHELPA FONDUSO konkrete.

Kiel opinias nia esperantistaro?

A.Rogov(Ĥmelnickij)

LA FESTIVALO "SUDUVA-74"

De la 23-a ĝis la 25-a de aŭgusto 1974j junaj esperantistoj de Kapsukas(Litovio) organizis E-renkontiĝon ĉe la lago Dusia.Kunvenis amikoj el Kaŭnas,Vilnius,Liepaja(Litovio),Jurbarkas,Vilkaviŝkis kaj po kelkaj el aliaj punktoj.

En la enhava tagordo estis gratuloj,raportoj,lingvaj demandoj, kursoj por tradukistoj,kolektado de fungoj,kantoj kaj ludoj,ankaŭ naĝado ka sunbruniĝo.

K-do Vitas Ŝilas rakontis pri la strukturo, laboro kaj decidoj de la VIII SEJM-Konfernco.K-do Paŭlo Staŝys informis la ĉeestantojn pri la XV BET en Riga ĉefmastrine k-ino Mirdza Burgmajster. K-do Paŭlo Egorovas organizis kursojn al tradukistoj.K-do Vytenis Olŝaŭskas kun sia malmultnombra kolektivo organizis sukcesoplenan festivalon kaj zorgis pri maŝinoj,tendoj,tolaĵoj,manĝaĵo,emblemoj.

P.Staŝys(Kaŭnas)

HOBBY KAJ ESPERANTO

En esplorinstituto pri elektrotekniko en Kaŭnas estis organizita ekspozicio de h o b b y.Laboristoj de la instituto:ĉasistoj, artpentristoj,fiŝkaptistoj,filatelistoj,kolektantoj de insignoj,sukcenoj,etikedoj de drinkaĵoj kaj ... inĝeniero Vladas Rujeviĉius tie prezentis sian hobby- Esperanton.Gazetoj,revuoj,libroj,vortaroj,tradukaĵoj,emblemoj,skemoj kaj 25 demando-respondoj pri Esperanto.

E-lingvo de paco kaj amikeco. Esperanto - internacia lingvo, ĝi estas la plej facila en la mondo.

Sian parton de la ekspozicio k-do Ruĵevičius kronas per afiŝo, kiu bilde agitas.Aĝa kaj kalva sciencisto poligloto montras,ke jam komprenas 8 lingvojn kaj povas paroli kun la tuta mondo.Lia filineto scias Esperante kaj fieras:"Mi ankaŭ!!!"

P.Staŝys(Kaŭnas)

## Informoj*Anoncoj*Petoj*Sciigoj

Post longa silento aktiviĝas la scienc-teknika fako de SEJM. Mi petas ĉiujn geesperantistojn,kiuj laboras kiel esploristoj en scienco aŭ tekniko kaj kiuj volas kunlabori por la temo "Esperanto kaj scienco" anonci sin ĉe mi.Samtempe komuniku al mi ideojn,se tiuj estas,rilatantaj al laboro de la fako.

Gvidanto de la scienc-teknika fako A.Gonĉarov
(656099 Barnaul-99,abon.k.11)

*** *** ***

ROSTOV-DON

1.Estas akireblaj "Kulturaj kajeroj"-1973(n-ro 6 po 80 kop.) kaj 1974(n-ro 2 po 1 rub.).N-ro 3 estas elĉerpita,sed baldaŭ venos plia kvanto;la prezo- 1 rub.

2.Estos aĉeteblaj ankaŭ sekvaj KK-numeroj(laŭ la samaj prezoj).

3.Se almenaŭ 50 personoj esprimos sian deziron aboni la organon de la ĉeĥa Esperanto-Asocio "Starto"(aperas 8-foje en la jaro;abonprezo de 1,25 ĝis 1,50;ekspedado el ĈSSR aŭ el USSR,laŭ cirkonstancoj), la gazeto estos abonebla pere de mi.Siajn mendojn(ne mononl) oni sendu al mi ĝis la 1-a de decembro.

Mia adreso:
344007 Rostov-Don - 7,abon.k.233,Melnikov Aleksandr S.

*** **** ***

SALAVAT

Daŭrigas sian laboron Salavata E-klubo.La klubo nun funkcias ĉe Klubo de internacia amikeco de Kulturpalaco, de naftokemiistoj,ĝi ricevis konstantan ejon.La kunvenoj okazas nun ĉiulunde je la 19.30. La E-klubo estas jam oficialigita.Ĉiumarde kunvenas Esperanto-rondeto por komencantoj,kiun partoprenas 47personoj.

En Urba centra biblioteko jam funkcias E-ekspozicio.Samloke okazis prelego pri E.,ankaŭ estas planata E-vespero meze de oktobro.

Aperis artikolo en la ĵurnalo "Za peredovuju teĥniku",tie fakte estas sciigo pri E-rondeto.Aperis artikolo pri E-tendaro kaj pri E-klubo(du artikoloj).

*** *** ***

IVANOVO

"... kio koncernas la ruso-Esperantan vortaron eld. 1966: ĝin ni dume reeldoni ne povas,ankaŭ E-frazara vortaro ne estas planata proksimjare.

Nia eldonejo ne eldonas E-lernilojn.Pri ĉiuj problemoj koncerne studon de la lingvo Esperanto ni rekomendas turni vin en E-sekcion ĉe Moskva Domo de amikeco:Moskvo,K-9,prospekto Kalinina,16.

Por informo:ek de komenco de ĉi jaro pri laboro super vortaroj okupiĝas nova eldonejo "Russkij jazyk".

Estime malsupra redaktoro de la eldonejo "Russkij jazyk"
M.Mikolskiĥ.

Sendis S.Smetanina (Ŝuja, Ivanova reg.)